## UNU EL LA UTILOJ DE ESPERANTO.

*Originale verkita de* R. SUTCLIFF.

Tute aparte de tio, ke la lingvo Esperanto estas rimedo de internacia komunikiĝado, ĝia logika strukturo faras ĝin ankaŭ tre grava ilo por la plibona ekscio de nia propra lingvo kaj por spirita pliboniĝo pri nia scio de niaj ĉefaŭtoroj naciaj.

Por ricevi tian profiton, la studanto traduku tre penseme kaj atente kelke da verkoj de ia unuaklaso aŭtoro. Kia ĉarma surprizo atendas lin! Li eltrovos, se la verkisto estas iagrade profundopensa, ke ĝis nun li legadis nur supraĵe, kaj se li volos esperantigi ne nur la vortojn sole de la eminenta aŭtoro sed ankaŭ lian spiritan intencon, li devos zorge pripensadi por eltrovi la signifon de ĉiu vorto, ĉiu esprimo kaj ĉiu aludo de tiu verkisto.

Kelkfoje li devas serĉi en vortaregoj por trovi la ĝustan sencon de ia ĉiutaga, kutima vorto de *sia propra lingvo* antaŭ ol li povas traduki tiun vorteton laŭ la vera senco de la aŭtoro. Kaj li miras kaj diras en si mem : « Se mi, naskiĝinta en tiu ĉi lando kaj kutiminta je la lingvo de mia infanaĝo, povas eltrovi tiom da novaĵoj kaj diversaj signifoj en la patra lingvo, kia laboro devas ekzisti por fremdulo deziranta ellerni la lingvon kaj taksi ĉiujn ĝiajn delikatajn nuancojn ? »

Ni eksentas, ke ordinare ni ne *legadas* laŭ la plena kaj vera senco de la vorto sed nur flirtas super la paĝoj de la libro, kolektante jen tie jen aliloke peceton de mielo el la pensoj de la aŭtoro kaj preterlasante multe da riĉaĵoj eble kun la duona intenco, en ia pli oportuna momento, malkovri la kaŝitaĵojn de la libro. Se iu dubas pri tiu ĉi diraĵo, tiu sin turnu al ia bonega peco de literaturo kun senduba beleco kaj de ĉiuj admirata, ekzemple : traktatoj de De Quincey, Ruskin, aŭ de la Amerikana aŭtoro Emerson, aŭ la poemoj de Milton aŭ Tennyson.

Se estas homo de nur ordinara klereco, li kredeble konstatos, ke tiuj vortoj, kiuj ĉarmis lin en lia juneco. eble pro ilia bela ritmo kaj bonsoneco, nun kiam li deziras ilin esperantigi, prezentas milon da malfacilaĵoj, ne tial ĉar Esperanto estas nekapabla esprimi la signifon sed pro tio, ke, volante difini la sencon, li ekscias, ke unue li devas traduki sian propran lingvon en difinitan signifon al si mem, antaŭ ol li povas prezenti ĝin al iu alia.

Tia procedo kaŭzas al ni duopan senton ; unue, senton humiligan pri nia malklereco kaj due, post plenumo de nia tasko, senton de dankeco al la nova, artefarita lingvo, kiu povas plifaciligi al ni la studadon de nia amata patra lingvo kaj igi la juvelojn en nia literaturo pli klaraj, kaj plena de nova signifo.

(El « *The British Esperantist* »).

N. B. — La artikolo de S^ro^ Sutcliff diras per kelkaj vortoj multe pli ol longaj kritikoj de la lingvo. Ni esperas ke ĝi interesos niajn gelegantojn kiel ĝi interesis la gelegantoj de la ĵurnalo « Tribune de l'Aube » el Troyes (France) kiu publikigis francan tradukon de la artikolo.

---

## EL LIMA.

**La Kongreso de la Respubliko Perua**

donis la leĝon jenan :

Artikolo 1^a^. — Havigu subvencion ĉiumonatan da kvin livroj (125 fr.) al ĉiu el la du revuoj pri sciencoj kaj Esperanto,kiujn oni eldonas en tiu ĉi ĉefurbo, dume oni publikigos ilin.

Artikolo 2^a^. — La eldonantoj de la du citataj revuoj estas devigataj publikigi ĉiumonate ilin kaj sendi kvindek ekzemplerojn el ĉiu al la oficejo respektiva de la Ministrejo de Progresigo por disdoni ilin inter la diversaj institucioj sciencaj de la Respubliko.

Ordonas ke oni ĝin presigu, publikigu, rondiru kaj oni donu al ĝi la konvenan plenumon.

Domo de Registaro en Lima, je la tria tago de la decembra monato, mil naŭcent sesa jaro.

JOSÉ PARDO,
Prezidanto de la Respubliko.

F. VIDALON,
Ministro de Progresigo.

Tiu leĝo celas nian bonan kunfraton Peruan « Antaŭen Esperantistoj » kaj la ĵurnalon « *El Comercio* » kiu apogas nian agadon en Peruio.

## EL TOKIO.

Dum la ĝenerala kunveno de la Japana Esperantista asocio, kiu okazis je la 28^a^ de septembro, S^ro^ Isobe legis la sekvantan leteron de Vicgrafo Hajaŝi, Ministro de la Fremdaj Aferoj :

« Estas la estinta historio ke ĉiuj nacioj fermis siajn pordojn, unu suspektante aliajn, kaj unu repelante aliajn.

Sed en la nuna tempo, la progresado de civilizacio kaj la vastigado de la ideo de humaneco estas kaŭzinta la eternan amikecon inter nacioj, kiu estas eĉ rigardata kiel normaleco.

Precipe materialista civilizacio estas nun sin vastiganta tiel rimarkinde, ke la komunikado de nacioj estas farata tre facila kaj intima, kaj ni sentas kiel se ne estus limoj inter nacioj.

Sed estas bedaŭrinde ke nenia internacia lingvo estas ankoraŭ uzata.

Pri Esperanto, ĉar ĝia gramatiko estas simpla kaj regula, ĝi estas facila por lerni kaj uzi, kaj devas esti farata la internacia lingvo. Ni aŭdis ke, en Eŭropo kaj Ameriko, la uzo de Esperanto estas grade rekonata kaj la nombro de Esperantistoj kreskas rapide.

Se tiu ĉi entrepreno estas sukcesa, la rezultato estos ne nur ke ĝi helpos la komunikadon de nacioj, sed ankaŭ ke iliaj malkomprenoj estos evitataj, kaj ilia unueco estos efektivigita ; mallonge, la feliĉo de homaro estos plimultigata.

En nia lando, la Japana Esperantista Asocio estos organizita kaj ĝia unua ĝenerala kunveno okazas hodiaŭ.

Pro tio mi ĝojas treege, kaj esperas sincere ke tiu ĉi asocio kune kun alilandaj Esperantistaj asocioj faros multe por vastigi kaj propagandi la internacian lingvon.

Ministro HAJAŜI.

(El *La Japana Esperantisto*).

# KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**Bruxelles.** — Le samedi 9 février, la section Espérantiste du Cercle Polyglotte a reçu la visite de Mr John Lundgren, de Hedemora, notre adepte suédois, qui a entrepris un voyage à travers notre pays en n'employant que l'Esperanto. De nombreux élèves du cours d'octobre assistaient à la réception et applaudirent vivement l'allocution de bienvenue que Mr L. Blanjean adressa à notre hôte et la réponse de celui-ci.

Le dimanche, Mr Lundgren prit part à l'assemblée générale de fondation du groupe bruxellois et l'après-midi reçut la visite de quelques autres amis belges et français, arrivés à Bruxelles pour le saluer et lier connaissance avec un correspondant connu depuis longtemps.

———

La seconde assemblée générale pour la fondation d'un groupe à Bruxelles a eu lieu le dimanche 24 février à la maison « La Louve » Le nouveau groupe a choisi son titre « La Pioniro » (le pionnier) et le sous-titre : groupe Espérantiste bruxellois ; il a admis les Statuts définitifs présentés par le comité organisateur.

Ces statuts indiquent que le groupe sera dirigé par un conseil d'administration ayant douze membres effectifs et quatre membres suppléants, qui élisent dans le comité même, un bureau composé d'un président, d'un ou deux vice-présidents, de secrétaires, trésorier, etc.

Les membres effectifs élus par l'assemblée de fondation sont : Mesdemoiselles Lecointe, Deluyck, Guilliaume et Hoffmann ; Messieurs Luc. Blanjean, lieutenant Cardinal, Chalon, capitaine-commandant Lefèvre, Mélot, Solot, Vandersleyen et Verbanck ; les membres suppléants sont Mesdemoiselles Greiner et Popelin, Messieurs Lecointe et Jos. Jamin.

« La Pioniro » se réunira tous les mercredis à 8 heures du soir à la maison « La Louve » 5, Grand'place, où un local spécial est réservé pour le groupe. Pendant la réunion, on a lu la réponse du Docteur Zamenhof à l'envoi de félicitations à l'occasion de la fondation du groupe et des lettres du Comt Lemaire et de Mr le sénateur Lafontaine, lesquels n'acceptèrent pas de fonctions dans le conseil d'administration pour divers motifs ; le Comt Lemaire est d'avis que le président de la Ligue Espérantiste Belge doit conserver une indépendance tout à fait nécessaire pour guider tous les groupes ligués.

Beaucoup de monde assistait à cette réunion ; entr'autre le frère Isidore, qui nous annonça qu'un rapport fort important venait d'être envoyé par lui-même au Ministre de la Justice. Nous en donnerons une analyse dans un prochain numéro.

Avant la séparation, « la Pioniro » entendit une excellente déclamation de Melle Staes et quelques paroles de remercîment de Mr L. Blanjean.

Dès maintenant le groupe demande son affiliation à la Ligue Espérantiste Belge.

**Antwerpen.** — Als een feit van groote beteekenis mag gemeld worden de inrichting van eenen Esperantoleergang bij de machtige onderwijzersvereeniging « Diesterweg ».

**Bruxelles.** — Sabate 9a februaro, la Esperantista Sekciono de la Poliglota Klubo ricevis viziton de Sro John Lundgren, el Hedemora, nia sveda samideano, kiu entreprenis vojaĝon tra nia lando uzante nur Esperanton. Multaj gelernantoj de la oktobra kurso ĉeestis al tiu akceptfesto, kaj ili vigle aplaŭdis la bonvenan paroladon, kiun Sro L. Blanjean prezentis al nia gasto kaj la respondon de tiu-ĉi.

Dimanĉe, Sro Lundgren partoprenis al la generala fonda kunveno de la Brusela grupo kaj posttagmeze ricevis viziton de kelkaj aliaj belgaj kaj francaj amikoj, alvenintaj en Bruselo por saluti lin kaj konatiĝi kun de longe konata korespondanto.

———

Dua generala kunveno pri fondo de grupo en Bruxelles okazis dimanĉe 24a februaro en domo « La Louve » (lupino). La nova grupo elektis sian titolon : « La Pioniro » kun subtitolo Esperantista Grupo Brusela ; ĝi akceptis la definitivan Fondan Regularon prezentitan de la organizanta komitato.

Tiu regularo difinas ke la grupo estos direktata de administracia konsilantaro, enhavanta dekdu efektivajn membrojn kaj kvar anstataŭigantajn membrojn,kiu elektos en la komitato mem,la direktantan kolegion : prezidanton, unu aŭ du vicprezidantojn, sekretariojn, kasiston, k. t. p.

La efektivaj membroj elektitaj dum la fonda kunveno estas : Fraŭlinoj Lecointe, Deluyck, Guilliaume kaj Hoffmann; sinjoroj Luc. Blanjean, leŭtenanto Cardinal, Chalon, Kapitano-komandanto Lefèvre, Mélot, Solot, Vandersleyen kaj Verbanck ; la anstataŭigantaj membroj estas Fraŭlinoj Greiner kaj Popelin, Sinjoroj Lecointe kaj Jos. Jamin.

« La Pioniro » kunvenos ĉiumerkrede je la 8a horo vespere en domo « La Louve » 5, grand'place, kie estos aparta salono difinita por la grupo. Dum la kunveno, oni legis respondon de Doktoro Zamenhof pri sendo de gratuloj je l'okazo de l' fondo de l' grupo kaj leterojn de Komto Lemaire kaj Sro Senatano Lafontaine kiuj, ambaŭ, ne akceptis funkcion en la administracia konsilantaro pro diversaj motivoj ; Komto Lemaire opinias ke la prezidanto de la Belga Ligo Esperantista devas konservi memstarecon tute oportunan por gvidi ĉiujn ligajn grupojn.

Multaj samideanoj alestis al tiu kunveno ; inter ili frato Isidoro, kiu sciigis nin pri raporto tre grava kiun li ĵus sendis al la Ministro de Justico, kaj de kiu la analizon ni raportos pli longe en ia proksima numero.

Antaŭ disiĝo « la Pioniro » aŭdis tre bonan deklamon de Fraŭlineto Staes kaj dankparoladeton de Sro Luc. Blanjean.

De nun la grupo rogas sian aliĝon al la Belga Ligo Esperantista.

**Antverpeno.** — Kiel multsignifa fakto ni povas citi la organizon de kurso de Esperanto ĉe la grava unuiĝo de instruistoj « Diesterweg ».

De eerste les had plaats op Zondag 17$^{n}$ Februari, in een ruime zaal der nijverheidschool.

De heer Jef Van de Venne, voorzitter van het comiteit voor de uitbreiding der normale studiën, verklaart den leergang geopend, waarvan hij de beste uitslagen te gemoet ziet, vooral met het oog op de onderlinge verbroedering der volkeren.

De heer Van der Biest-Andelhof, de eerste Antwerpsche onderwijzer die het Esperanto beoefende, herinnert hoe weinig vóór twee, drie jaar zijne propaganda weerklank vond bij de collega's en drukt zijn overgroot genoegen uit hier te mogen bestatigen, hoe thans het korps der Antwerpsche gemeentescholen zich in massa bij het Esperanto aansluit. Hij heet de talrijke aanwezigen — meer dan 100 ! — van harte welkom in de esperantische gelederen en wenscht hun den meesten bijval in het aanleeren onzer geliefde taal, bijval waarvan hij zich verzekerd acht, daar de leergang geleid wordt door den heer Jan Lemmers, een man van kennis en toewijding.

De vergadering juicht luide de begeesterde woorden van den redenaar toe, waarop de heer Lemmers zijne les begint. De aanhoorders schenken aan zijn onderricht de grootste belangstelling en geven op het einde der les hunne voldoening lucht door een vinnig handgeklap, waarmede zij den wakkeren leeraar begroeten.

De lessen van den heer Lemmers zullen regelmatig in hetzelfde lokaal plaats hebben alle Zondagen, om 11 $^1/_2$ uren zeer stipt.

— Niet minder belangrijk is de stichting van den kring der esperantische studenten bij het Handelsgesticht.

Een veertigtal hunner woonden op Donderdag 21$^{n}$ Februari de opening van den leergang bij, dien de heer Van der Biest-Andelhof bereidwillig op zich heeft genomen. De leerlingen behooren tot de meest verschillende nationaliteiten; benevens een vijftal Belgen bevinden zich onder hen Franschen, Duitschers, Italianen, Polen, Russen, Armeniërs, Bulgaren, Rumenen, Chineezen en Javanen.

Allen hebben de studie van het Esperanto met de grootste geestdrift aangevat, en alles laat voorzien dat de invoering onzer geliefde taal onder de studenten van het hooger Handelsinstituut aanleiding zal geven tot een groote en vruchtbare propaganda, zoo binnen als buiten onze grenzen.

De stichting van gemelden leergang, die geheel en al aan het bijzonder initiatief der studenten te danken is, moge het Staatsbestuur tot spoorslag verstrekken om het Esperanto officiëel op het leerprogramma van het gesticht te brengen, zooals dit reeds bij de handelscholen van Hamburg, Duisburg, Leeds en andere steden werd gedaan.

Met genoegen stippen wij aan, dat het Besturend Bureel de stichting van den leergang heeft goedgekeurd en welwillend een lokaal ter beschikking der inrichters heeft gesteld.

— Alle goede dingen bestaan uit drie ! Het esperantisch leven is insgelijks ontwaakt in het nieuwe Oostkwartier der stad (Zurenborg). Een twintigtal jongelieden, meest kunstenaars en handelsklerken, hebben er een esperantische groep gesticht, die den naam heeft aangenomen « La verda Stelo ».

La unua leciono okazis dimanĉe je 17$^{a}$ de februaro en ia ĉambrego de la Industria lernejo.

Sinjoro Jef Van de Venne, prezidanto de la komitato por disvastigo de la normalaj studoj, malfermis la kurson al kiu li deziras plenan sukceson precipe je l' vidpunkto de la interfratiĝo de l' popoloj.

Sinjoro Van der Biest-Andelhof, unua Antverpena instruisto kiu sin okupis pri Esperanto, rememorigas kiom malmulte, antaŭ du aŭ tri jaroj, lia propagando sukcesis ĉe liaj kolegoj kaj esprimas sian nunan ĝojon konstatante tie ĉi kiom da instruistoj de la Antverpenaj komunumaj lernejoj aliĝas al Esperanto Al la multnombraj ĉeestantoj — pli ol cent – li deziras bonvenon en la Esperantistaro, kaj grandan ĝuon per la lernado de nia kara lingvo: pri tiu ĝuo li ne dubetas, tial ke la kurso estos instruata de sperta kaj sindonema Sinjoro Jan Lemmers.

La kunvenantaro aplaŭdas la entuziasmajn parolojn de la paroladinto kaj Sinjoro Lemmers komencas sian lecionon. La aŭdantoj kun atento kaj intereso aŭskultas lian instruon kaj je l' fino de la kurso laŭte esprimas sian kontentecon fervore aplaŭdante la lertan instruanton.

La lecionoj de Sinjoro Lemmers regule daŭriĝos en la sama kunvenejo ĉiudimanĉe je la 11 $^1/_2$ h. tre precize.

— La fondo de *Esperantista grupo de la studentoj de la Antverpena komerca Instituto*, estas plej grava novaĵo.

Jaŭde je 21$^{a}$ de februaro kvardeko da studentoj ĉeestis la unuan lecionon de la kurso sindoneme instruata de S$^{ro}$ Van der Biest-Andelhof. La lernantoj apartenas al plej diversaj nacioj; krom kvin belgoj troviĝas inter ili francoj, germanoj, italoj, poloj, rusoj, armenianoj, bulgaroj, rumenoj, eĉ javanoj kaj ĥino.

Ĉiuj entuziasmege ekstudas Esperanton, kaj estas antaŭvideble ke enkonduko de nia kara lingvo inter la studentoj de la supera komerca Instituto kaŭzos grandan fruktodonan propagandon tiel en nia lando kiel en eksterlando.

Povu la fondo de tiu kurso, kiu fariĝis dank' nur al privata iniciato de la studentoj, inciti la Landestraron por enkonduki oficiale Esperanton en la programo de la komerca instituto kiel tio jam okazas en komercaj lernejoj de Hamburg, Duisburg, Leeds kaj aliaj urboj.

Ni rimarkigas kun plezuro ke estraro de la Instituto aprobis la organizon de tiu kurso kaj bonvole pruntedonis kunvenejon al la organizintoj.

— Esperanta movado ekvekiĝis en Zurenborg, nova orienta kvartalo de Antverpeno. Dudeko da junuloj, precipe artistoj kaj oficistoj fondis Esperantistan grupon, kiun ili nomis « La verda Stelo ».

Eerlang zal door de zorgen der nieuwe groep een openbare voordracht gehouden worden, waarna eene reeks lessen van Esperanto zullen beginnen.

Het bestuur van « La verda Stelo », is samengesteld als volgt :

*Voorzitter :* de heer Fr. Schoofs;
*Schrijver :* de heer J. Istace;
*Schatbewaarder :* de heer H. Le Beck.

**Berchem.** — In het « Café des Arts », waar de de jonge, maar reeds zeer werkzame groep der Berchemsche esperantisten haren zetel heeft, werd op 30n Januari j.l. de winterleergang van Dr W. Broeckaert gesloten. De ijverige professor was er vanwege zijne leerlingen het voorwerp eener hoogst vleiende betooging. De heer Van Havermaete vertolkte de gevoelens van sympathie en erkentelijkheid der groep ten opzichte van den heer Broeckaert en bood hem in naam der leden een prachtig geschenk aan.

Van harte bedankte daarop de gehuldigde leeraar zijn ijverige en verkleefde leerlingen, en beloofde de jonge maatschappij steeds met raad en daad bij te staan.

Op het einde der zitting stelde de *Berchem'a Grupo Esperantista* als volgt haar bestuur samen :

*Voorzitter :* de heer Prof. Ant. Havermans;
*Ondervoorzitter :* de heer Dr Brandligt;
*Schrijver :* de heer Nijs;
*Schatbewaarder :* de heer Van der Straeten;
*Commissieleden :* de heeren Antoon Torfs en Bastiaens.

Op Woensdag 6n Februari werd in de B. G. E. een hoogere leergang ingericht onder leiding van Dr W. Broeckaert; de vergaderingen hebben regelmatig alle Woensdagavonden plaats.

Hoewel de nieuwgeborene vereeniging tot nu toe niet sterk in getal is, mag men hier zeggen dat het gehalte der leden tegen dit klein getal opweegt. Allen zijn bezield met geestdrift en goeden wil, en het valt niet te betwijfelen of zij zullen ijveren voor de voortplanting van de nieuwe taal, het welluidend Esperanto.

**Verviers.** — Esperantista Societo. (E. S.)

Toujours en pleine voie d'organisation et réellement surmené par les nombreux cours donnés cet hiver, il a été jusqu'à présent impossible au Comité de l' E. S. de donner dans la B. S. un aperçu de son action. En voici, en court résumé, quelques faits saillants.

Après la fusion des deux groupes existants en une seule société (E. S.), une campagne active fut commencée. Le secrétaire M. Palmer, au Cercle Polyglotte donna une série de conférences dont le résultat fut considérable ; la documentation qu'y puisèrent les Espérantistes fut particulièrement précieuse. D'une autre côté, des conférences furent données par M. Edouard Mathieu, à Verviers-Athénée, société d'anciens étudiants, à l'association du commerce, à la société antialcoolique, à la Fédération d'employés l'*Aide Mutuelle*, etc. D'autres membres très dévoués agirent dans leurs cercles, en sorte que cette propagande intensive amena la nécessité de cours nombreux. La société étant jeune, il y avait pénurie de professeurs. Un cours spécial de méthode fut créé et donné par M. Pal-

Publika parolado estos baldaŭ organizata de la nova grupo, post tiu komencos serio da lecionoj.

Jen estas la estraro de « La verda Stelo » :

*Prezidanto :* Sro Fr. Schoofs;
*Sekretario :* Sro J. Istace;
*Kasisto :* Sro H. Le Beck.

**Berchem.** — En la « Café des Arts » kunvenejo de la juna sed fervora Berchem'a Grupo Esperantista okazis je 30a de Januaro lasta leciono de la kurso instruita de Dro W. Broeckaert. Tiuokaze la lernantoj organizis por sia agema profesoro ŝatindan simpatian elmontron. Sinjoro Van Havermaete esprimis la sentojn de dankemo kaj simpatio de la la grupanoj al Dro Broeckaert kaj prezentis al li, je l' nomo de ĉiuj, belegan memoraĵon.

La festata instruinto tutkore dankis siajn fervorajn kaj sindonemajn lernantojn, kaj promesis ĉiam helpi per konsilo kaj ago la junan societon.

Je l' fino de la kunsido la *Berchem'a Grupo Esperantista* elektis la jenan estraron :

*Prezidanto :* Sro Profesoro Ant. Havermans,
*Vic-prezidanto :* Sro Doktoro Brandligt,
*Sekretario :* Sro Nys,
*Kasisto :* Sro Van der Straeten,
*Komitatanoj :* Sroj Ant. Torfs kaj Bastiaens.

Merkrede, je 6a de februaro Dro Broeckaert ekinstruis superan kurson. La grupaj kunvenoj okazos ĉiumerkrede.

Kvankam la membroj de la novenaskita grupo ne estas ĝis nun multnombraj oni povas certigi ke ilia fervoro kaj indeco tion kompensas. Ĉiuj estas entuziasmaj kaj bonvolaj, kaj sendube ili ageme klopodos por la disvastigo de la nova lingvo : la belsona Esperanto.

**Verviers.** — Esperantista Societo (E. S.).

Ĉiam multe laboranta pri organizado kaj vere tro okupata de la multaj kursoj donatoj dum ĉi-tiu vintro, la komitato de l' E. S. ne povis doni en la B. S. ekvidon pri sia agado.

Jen estas, resume, kelkaj sciigoj el la plej ĉefaj.

Post la unuigo de la du grupoj esperantistaj en unu societo (E. S.), oni komencis aktivan agadon. La sekretario, Sro Palmer ĉe la Poliglota klubo faris serion da paroladoj kies rezultato estis grava. La dokumentaro, tie elĉerpita de la esperantistoj, estis speciale valora.

Cetere, paroladoj estis donataj de Sro E. Mathieu ĉe Verviers-Athénée, societo de eks-lernantoj, la komerca societo, la societo kontraŭ alkoholismo la Oficista Federacio, La reciproka Helpo, k t. p.

Aliaj sindonemaj membroj agadis en siaj kluboj tiamaniere ke ĉi-tiu energia propagando postulis neceson de multaj kursoj : la societo estante juna ne sin provizis sufiĉe pri instruantoj.

Speciala kurso estis kreata kaj instruita de Sro Palmer. Estis traktataj : la demandoj pri komparo

mer. Y furent traitées les questions de comparaison des méthodes directe et indirecte, aux points de vue différents du professeur et de l'élève, de psychologie de l'élève, de méthode logique (enseignement et renseignement), choix et disposition des matières et vocabulaire, expériences, etc.

Dès lors, tous les cours purent se créer: un cours terminé marquait l'ouverture d'un autre cours. Voici la liste de ceux qui se donnent à présent: à Verviers, au local, 2 cours de dames, 1 cours d'hommes; à l'Aide Mutuelle (employés) 1 cours mixte, à la Société l'Etoile Bleue, 1 cours mixte; à Ensival, 1 cours mixte. Ces cours sont donnés par MM. Bevernage, Lange, Schriever, Palmer et Mathieu. — Les réunions de sections où l'on ne peut parler que l'Esperanto ont lieu chez M. Leduc, — les réunions générales se tiennent tous les mardis; on y fait surtout de l'Espérantisme.

M. Wilmet, secrétaire du G. E. de Huy a rendu visite à notre société et a assisté à nos cours. Il admira les résultats donnés par la méthode Palmer employée aux cours, et désira qu'elle fut soumise à son groupe. M. Mathieu conférencia à Huy sur ce sujet et le groupe décida de se servir dorénavant de la méthode employée pour les cours de l'E. S.

A Verviers d'autres cours s'ouvriront bientôt. Conseillé par M. Seynaeve, le comité étudie divers projets qui feront une propagande dont le résultat sera, nous l'espérons, meilleur encore que celui des mois précédents.

**Ostende.** — Monsieur le docteur Goffin a donné la conférence annoncée dans la salle du Casino le 7 février. Un auditoire restreint mais choisi et attentif, avait répondu à l'appel de la Société des Etudes Coloniales. Monsieur le docteur Goffin a exposé le mécanisme de la langue en véritable professeur et en homme convaincu, clairement et avec enthousiasme: aussi il persuada à son tour de nombreux auditeurs et aux dernières nouvelles, la fondation d'un groupe Espérantiste à Ostende est certaine.

Monsieur le bourgmestre Pieters s'est fait l'interprète des assistants en remerciant le vaillant conférencier. « Le Carillon » d'Ostende, «L'Echo d'Ostende » et le « Journal de Bruges » ont donné des comptes rendus élogieux de cette conférence.

**St Josse-ten-Noode.** — Le cours d'Esperanto actuellement donné à l'Université Populaire a réuni l'inscription de 30 élèves qui suivent assidument les leçons de Melle Tontor.

**Bruges.** — Le groupe de Bruges vient de faire distribuer son règlement édité en 4 langues: flamand, français, anglais et Esperanto. Nous constatons avec plaisir que le groupe a actuellement 139 membres.

Par suite du départ de M. Lekeux, le consul officiel du groupe est dès maintenant M. A.-J. Witteryck, 10, quai des Ménétriers, Bruges.

de metodoj peraj kaj senperaj, de la nesamaj vidpunktoj de instruisto kaj lernanto, pri la spikologio de la lernanto, pri metodo logika (lernigado kaj sciigado), pri elekto kaj aranĝo de materialo, pri vortaro, eksperimentoj k. t. p.

De tiam, ĉiuj kursoj povis stariĝi. Unu kurso finiĝinta estis signo de la komenco de nova kurso. Jen estas aro de la kursoj kiuj ekzistas nuntempe: En Verviers, ĉe la societejo, du kursoj por sinjorinoj, unu kurso por sinjoroj; ĉe l' *Aide Mutuelle* (oficistoj), unu kurso por gesinjoroj; ĉe la societo « Blua Stelo », kurso por gesinjoroj, en Ensival, unu kurso por gesinjoroj; instruitaj de Sinjoroj Lange, Schriever, Palmer, Mathieu kaj Bevernage.

La sekciaj kunvenoj (en kiuj nur Esperanton oni parolas) okazas ĉe Sro Leduc. La ĝeneralaj kunvenoj okazas ĉiumarde; tie estas traktitaj precipe la demandoj pri Esperantismo.

Sro Wilmet, sekretario de la E. G. en Huy vizitis nian societon kaj ĉeestis kurson. Li miris pri la rezultatoj ricevitaj per la metodo Palmer uzata dum la kursoj kaj deziris ke la prezidanto prezentu ĝin al sia grupo.

Post parolado farita de Sro Mathieu en Huy, la tiea grupo decidis adopti tuje la metodon uzatan en la kursoj de l' E. S.

En Verviers, alian kursojn ba'daŭ oni malfermos. Konsilata de Sro Seynaeve, la komitato ekzamenas diversajn projektojn, kiuj naskos propagandon kies rezultato, ni esperas, estos ankoraŭ pli bona ol tiu de la antaŭaj monatoj.

**Ostende.** — Sinjoro doktoro Goffin faris la anoncitan paroladon en loko la Kazino je la 7a februaro. Aŭdantaro ne multnombra sed elektita kaj atentema estis respondanta al la alvoko de la Societo de Koloniaj Studoj. Sinjoro doktoro Goffin pritraktis la mekanismon de la lingvo kiel vere profesoro kaj kiel konvinkita homo, klare kaj entuziasme: tiel li siavice konvinkis multajn aŭdantojn kaj la ĵus ricevitaj sciigoj certigas al ni fondon de Esperantista grupo en Ostende.

La urbestro Pieters, je la nomo de la alestantoj dankis la kuraĝeman parolanton. La jurnaloj « Le Carillon » (Sonorilaro) el Ostende, « L'Echo d'Ostende » kaj « Journal de Bruges » raportis laŭde pri tiu parolado.

**St Josse ten-Noode.** — La kurso de Esperanto, nune instruita en la Popola Universitato, kunigis enskribon da 30 gelernantoj, kiuj diligente alestas al la lecionoj de Fino Tontor.

**Bruges.** — La grupo el Bruĝo ĵus dissendis sian regularon, eldonitan en 4 lingvoj: flandra, franca, angla kaj Esperanto. Plezure ni konstatas ke la grupo nune enhavas 139 membrojn.

Pro foriro de Sro Lekeux, la oficiala konsulo de la grupo estas de nun Sro A -J. Witteryck, 10, quai des Ménétriers, Bruges.

**Nekrologio.** — Akra doloro vundis la koron de S[ro] Profesoro Havermans, prezidanto de la ĵus fondita Berchem'a Grupo Esperantista. Lia amata deksepjara filo Raymond mortis je 8[a] de februaro post longa suferado.

Ni prezentas al S[ro] Havermans kaj al lia ploranta familio nian simpatian kondolencon.

### Nia ilustrita aldono.

Por respondi al multaj demandoj pri nia ilustrita kunfrato « Tra la Mondo » ni aldonas al tiu ĉi numero, nur por niaj belgaj legantoj, la ilustritan enhavon de la unua jarkolekto, laŭ kiu ili juĝos pri la diverseco kaj plena internacieco de nia familia revuo. La alilandaj abonantoj povos ricevi tiun propagandan folion sin turnante al la administranto de « Tra la Mondo ». Boulevard des Deux Gares,15, Meudon (S. et M.) France.

## LA LUNANOJ.

### FANTAZIO.

Unu el miaj amikoj estis devigita pro malsukcesintaj aferoj fari « truon en la luno ». (*)

Mi ne scias ĝuste kiamaniere li vojaĝis tien por fari tiun « truon », kaj kiamaniere li revenis sur nian planedon.

Tamen li denove vivas inter ni, sed nun riĉa kaj senzorga. Li akceptis min en sia bela kastelo kaj rakontis al mi multe da mirindaĵoj pri la luno kaj ĝiaj loĝantoj. Dum lia longa rakontado mi rapide prenis kelkajn notojn, kaj mi ne povas konstraŭstari la deziron publikigi ilin hodiaŭ, esperante ke ili interesos la gelegantojn de la Belga Sonorilo.

***

La lunanoj havas bluajn harojn, verdan haŭton, violkolorajn lipojn kaj nigrajn dentojn. Anstataŭ ungojn ili havas je la piedoj kaj la manoj malmolajn, brilajn kaj poluritajn hokegojn. La aliaj partoj de ilia korpo estas kovritaj per blanka lanugo, dolĉa kaj silkeca kiel la blankaj kaj silkecaj plumoj de niaj cignoj. Ili havas ruĝajn okulojn superigitajn per grandaj flavaj brovoj, kiujn ili starigas laŭvole por sin ŝirmi kontraŭ la blindigantaj sunradioj. Ilia dorso estas ornamita per du flugiloj, similaj al tiuj de niaj vespertoj sed milkoloraj, kiel la flugiloj de la plej belaj birdoj el la Sud-Amerikaj arbaregoj; ili prezentas ĉe la sunbrilo la plej belajn, la plej diversajn nuancojn, la plej ĉarmajn kaj la plej riĉajn rebrilojn. Fine, kiel plenego da koketeco, la lunanoj havas kvadratan kapon, kvadratan korpon, kvadratajn krurojn kaj brakojn.

***

La ĉefloko de la luno, nomata Dianurbo, estas la plej bela estejo el la tuta universo. Ĉiaj domoj estas konstruitaj per porcelano, blanka marmoro kaj ĉiuspecaj multekostaj ŝtonoj. La balkonoj, ŝlosoj, rigliloj, najloj kaj pordhokoj estas faritaj el la plej pura oro. Por la piedirantoj la stratoj havas trotuarojn el perlamotaj pavimoj; la ŝoseo, rezervita por la rajdantoj, estas pavimita per rubenoj, smeraldoj kaj diamantoj. Meze de la publikaj placoj belegaj fontoj ŝprucigas ondegojn da Madera-, Burgonda- kaj Ĉampanavino. La urbo estas lumigata vespere kaj nokte per gigantaj lampiroj, lokitaj en arĝentaj lanternoj. De loko al loko oni renkontas vastajn basenojn, plenajn je ribsiropa limonado.

***

La lunaj ĉevalestroj rajdas sur grandegaj, riĉe armaĵitaj akridoj. Dikegaj, gigantaj grizaj formikoj fortrenas publikajn veturilojn kun oraj kondukiloj, kristalaj spegulego; kaj diamantaj ringoj; tiuj omnibusoj estas vastaj kaj oportunaj kaj pli ol du mil personoj povas facile esti lokitaj en ili. Interne de tiuj veturilegoj oni rimarkas bilardĉambregojn, restoraciojn, banejojn, cirkojn kaj teatrojn. Dum la lasta lunmallumiĝo oni tie reprezentis tre sukcesintan kaj aplaŭditan lokan revuon, kie la lunanoj ridadis kiel ĝibuloj, tiu revuo estis nomata: Elblovu ! (*)

***

Tre ĉarma rivereto de kuracolikvoro serpentumas tra la urbo, sur fondo de sukermigdaloj, karameloj kaj glaciigitaj kaŝtanoj. Multego da koketaj ŝipetoj veturas gracie laŭ longe de ĝiaj magiaj bordoj; ili havas sukerajn mastojn, mielkukajn remilojn kaj marcipanajn velojn. Super la rivero oni konstruis belegajn pontojn per kanda sukero, krakenoj kaj Savoja biskvito.

La maljunaj soldatoj, kiuj perdis siajn flugilojn sur la batalkampoj, aŭ la laciĝintaj laboristoj al kiuj la lunestraro rajtigis bone meritita ripozon, loĝas kune en grandega kaj luksega invalidhotelo, superigita per giganta sukerpano, kiel kupolo. Tiamaniere oni solvis en la Luno la socialan problemon.

***

Jam de longe la lunanoj direktis Teren fortegajn kaj potencajn vidilojn kaj aŭskultilojn; tiamaniere ili vidas ĉiujn niajn movadojn, ili aŭdas eĉ niajn plej mallaŭtajn vortojn.Tio klarigas la fakton, laŭ kio la lunloĝantoj ellernis nian karan lingvon Esperanto, kiun ĉiuj senekcepte, ne nur legas kaj skribas perfekte, sed ankaŭ parolas kun la plej granda elegantеco. Ili starigis al Doktoro Zamenhof grandegan Svisan ĉokoladan statuon, tiel altan, ke flanke de ĝi la Eiffelturo aperas kiel Liliputano.

Ili elpensis perfektigitan sistemon de aerveturado; iliaj aerostatoj traflugas regule la plej grandajn interspacojn, eĉ tra la etero kaj ĝis la plej malproksimaj astroj.

Post kelkaj semajnoj estos fondita regula servo inter nia sekvulo kaj la urbo Antverpeno. La unua luna aeromnibuso alvenos sur la Verdan Placon la duan Paskan tagon, tagmeze ĝuste (**). La Antverpenaj esperantistoj faros entuziasman akcepton al siaj lunaj samideanoj en la « Taverne royale », kie okazos granda festa kunveno, pri kio parolos la tuta Belga gazetaro. Tiutage la Nova Peruko, jam ĉarmita de longe, estos plene konvinkita, kaj mia bona amiko Jefko ornamos fiere sian butontruon per verda steleto.

Amatus.

(*) Franclingve oni diras ke komercisto aŭ oficisto faras truon en la luno kiam li prenas monon el la kaso sen redoni ĝin poste.

(*) Tre bone konata en Antverpeno per la nomo : Blaas uit

(**) Vidu la daton en la kalendaro !